## Redaktora babilo

Marto kaj antaŭlasta ŝanco aliĝi al la ĉijara kongreso, kiu ja en diversaj manieroj prezentas neordinaran eblecon de miksaĵo inter streĉo de kunsidoj, interkunsida malstreĉiĝo, eturba intimeco, banloka mondumeco, frusomera beleco kaj interesa regiono kun flugilbatoj de la historio.

Ĉu vi rimarkis, ke ni senbrue eniris la 45an jaron de nia revuo, kiu la unuajn 10 jarojn de sia ekzisto estis "Bulteno", poste dum 11 jaroj "La Internacia Fervojisto", kaj ekde n-ro 1 de la jaro 1970 - kaj ĝisplue - Internacia Fervojisto. Aspekto kaj preskvalito ŝanĝiĝis laŭ la disponeblaj rimedoj. Nur unu afero restas senŝanĝa dum ĉiuj pasintaj jaroj: ke la respondeculo ĉiam klopodas produkti plejeble taŭgan kaj bonan revuon.

Kaj ĉu ne imponas, ke dum 44 sinsekvaj jaroj ni sukcesis aranĝi 44 internaciajn kongresojn? Strebu, ke tiu vico de manifestacioj daŭru. Ĉiu el ni portas parton de la respondeco, ke tio efektiviĝu!

En tiu senco mi lasas al vi detalan pristudon de la enhavo de ĉi tiu dua numero de la 45a jareldono. Se ĝi ne plaĉas al vi, verku kaj sendu al la redakcio pli bonan materialon.

Red

## Listo de gajnintoj, 34a IFES 1993:

**Karnavalo:**
3. Annelies Fiechter, CH
2. Kim Henriksen, DK
1. Josette Vonay, F

**Piedira konkurso:**
3. Mathias Stohl, A
2. Ghislain Jacobs, B
1. Paula Vanhelmond, B

**Longkura konkurso, virinoj:**
3. Denise Happi-Fosso, F
2. Josette Vonay, F
1. Therese Pinet, F

**Longkura konkurso, viroj:**
2. Hilaire Happi-Fosso, F
1. Bodo Ehrlich, D

**Alpina konkurso, virinoj:**
3. Greta Scharf, A
2. Barbara Pochanka, CH
1. Margriet Scherer, CH

**Alpina konkurso, viroj, komencantoj:**
2. Kim Henriksen, DK
1. Anker Nielsen, DK

**Alpina konkurso, spertuloj, viroj:**
3. Egon Kiefer, D
2. Franz Wagner, A
1. Hubert Peyrouty

**Lingva konkurso:**
3. Egon Kiefer, D - Horst Theurich, D
2. Therese Pinet, F
1. Kim Henriksen, DK

**IFEF-premio:**
Bodo Ehrlich, D

**Frontpaĝo:** Partoprenintoj de la 34a IFES

## Enhavo:

45a IFK .................... 19
La italaj fervojoj .............. 22
Rektaj vagonoj .............. 23
Tagordoj 45a IFK .............. 24
Jarraporto sekretariejo .......... 25
Jarraporto redaktejo .......... 27
Jarraporto kaso .............. 28
Kaptiloj por bestoj .......... 28
Niaj landaj asocioj .......... 29
34a IFES .............. 30
Ni funebras .............. 31
Renkontiĝoj .............. 32




45a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

6a–12a de junio 1993 en CERVIA, Italio

Adreso: 45a IFEF-kongreso, Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Poŝtkonto: 19336403, IFEA, Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Bankkonto: 31308, IFEA ĉe BNC, Bologna - Stazione Centrale

**Kvina Informo**

- **LKK-membroj**: Romano BOLOGNESI (Pr), Enrico MOLESINI (Vp), Vito TORNILLO (Sk), Gastone BORAGINI (Ks), Pasquale CECI (loĝigo/ekskursoj), Elisa GUALANDI (vesperoj), Serio BOSCHIN (fakaj aranĝoj).
- **Kongreskotizoj**: en italaj liroj (ITL) (ekde 16.02.93)

| | |
|---|---|
| Kongresano IFEF-Membro | 90.000 |
| Familiano/Junulo ĝis 25jara | 45.000 |
| Kongresano Ne-IFEF-Membro | 120.000 |
| Familiano/junulo Ne-IFEF-Membro | 60.000 |
| Simpatianto - minimume (ne partoprenas, ricevos kongresmaterialon) | |
| Krompago malfrua aŭ surloka (ĉiuj tipoj) (ekde 16.05.93) | 20.000 |

- **Glumarkoj**: estas mendeblaj ankaŭ per la aliĝilo, ĉiu folio ... 4.000
- **Ekskursoj**:

| | |
|---|---|
| A) al Ravenna, marde 08a, ½taga | 30.000 |
| B) al Faenza/Brisighella, ĵaŭde 10a, taga, kun tagmanĝo | 60.000 |
| C) al Gradara, sabate 12a, ½taga | 25.000 |

**Iom pri la ekskursoj**

**Ravenna**

La artaj kaj historiaj havaĵoj de Ravenna devenas el periodo, kiam ĝi akiris elstaran pozicion en Okcidento, dum Romo mem dekadencis.

Estis periodo de bataloj kaj intrigoj, sed ankaŭ de nekompreneblaj belaĵoj.

Ravenna, lasta ĉefurbo de la Okcidenta Romia Imperio konservas la heredon de Romo.

Kiel ĉefurbo de la romi-barbara regno de la goto Teodoriko, ĝi konservas la malmultajn arjajn konstruaĵojn ankoraŭ ekzistantajn.

Kiel sidejo de la ekzarko, post la rekonkero fare de la Orienta Imperio, ĝi posedas belegajn atestaĵojn de la bizanca stilo.

Al la supre dirita ensemblo, kiu per si mem sufiĉus konsideri Ravennan kiel nemaltrafeblan turistan celon, aldoniĝas veneciaj kaj renesancaj atestaĵoj; nome: Placo de la Popolo, Fortikaĵo "Brancaleone", multaj klostroj, Biblioteko "Classense", ktp.

Cetere ĝi estas urbo kiu inspiris Dante, Boccaccio, Byron, Klimt.

**Gradara**

Gradara, ĉirkaŭita el muregoj, situas sur monteto, kies pinto estas okupita de kastelo, en kiu (kiel bele Dante poemis tion en la "Dia Komedio") Francesca da Rimini (Franciska el Rimini) amis sian Paulon kaj estis tragedio ...

**Faenza**
Faenza [Faenca] proponas siajn mirindajn "fajencaĵojn" ĉe 40 metiistaj butikoj.

Plie sinproponas la fama "Ceramik-Muzeo", kiu estas monda centro por ekspozicii kaj studi pri la arto kaj la historio de la ceramiko. En ĝi elmontriĝas fajencoj el ĉiuj tipoj, landoj kaj epokoj, arkeologiaĵoj kaj nuntempaj verkoj.

**Brisighella**
Brisighella [Brizigela] estas moderna termloko, tre vigla kaj tamen "Mezepoka". Atestas tion turoj, fortikaĵoj kaj malnovaj domoj en tipaj vojetoj. Ofte la enloĝantoj surmetas antikvajn riĉajn kostumojn kaj festas kun la vizitantoj.

- **Pagoj**: Ni varme invitas pagi per poŝta ĝirkonto n-ro 19336403, **IFEA**, Via de' Poeti, I-40124 Bologna. Tio permesas ke via sumo rapide kaj komplete atingas la kongreskason. Bankmandato aŭ aliaj pagoj per bankĉekoj malrapidas kaj gravaj sumoj estas deprenitaj de la bankoj. Eŭroĉekoj ankaŭ taŭgas, sed la sumo ne superu 300.000 ITL.
- **Informejoj**: estas planataj en la fervojaj stacioj Ravenna kaj Cervia.
- **Bankoj**: sabate kaj dimanĉe estas fermitaj; bv. ŝanĝi pli frue. En la akceptejo riceveblas nur liroj.
- **Akceptejo**: en la kongresejo (Eksa Sal-Magazeno = Ex-Magazzino del sale, Via N. Sauro) funkcios ekde sabate 05a posttagmeze.
- **Kongreskartoj**: (kun la aliaj informiloj pri la hoteloj, ktp) estas sendataj ĝustatempe, post la alveno de aliĝiloj kaj pagoj.
- **Libroservoj**: funkcios en la kongresejo.
- **Speciala stampo**: dum unu kongrestago en la kongresejo funkcios aparta poŝtoficejo. Kongresaj bildkartoj kun ĝi estos haveblaj. Krome Esperanto-stampon uzos la poŝta oficejo en Cervia kelkajn semajnojn.
- **Programo**: pli malpli ĝi estos tiu de la aliĝilo; definitivan oni disdonos en Cervia.
- **Postkongreso**: la ekskursantoj ne bezonas fari ŝanĝojn; oni matenmanĝas kaj, reveninte, oni vespermanĝas en sia propra hotelo.

**Provizora programo de la postkongreso**

**Dimanĉe 13: Unua ekskurso**
**PREDAPPIO [Predapjo] kaj BERTINORO**
Predappio estas urbeto sur la Toskaniaj-Romanjaj Apeninoj, fama kiel naskiĝloko de Benito Mussolini; vizito libera en ties maŭzoleo kaj tra ĝia historia centro.

En Bertinoro oni tagmanĝos laŭ tradicia maniero en la fama "La Ca' de be'" (Trinkhejmo) kaj oni vizitos la historian urbeton: la Fortikaĵon, la Katedralon kaj la Gastaman Kolonon.

Vesperprogramo aŭ libertempo.

**Lunde 14: Dua ekskurso**
**URBINO kaj FRASASSI-GROTOJ**
Urbino estas naskiĝloko de la pentristo Raffaello kaj originala urbo el la XV jc. Ĝi prosperis kun familio Montefeltro dum la renesenca periodo.

La Grotoj de Frasassi estas unu el la plej belaj nuntempe viziteblaj. Speciala etoso en "monumenta" komplekso longa 15-km-ojn, malkovrita en 1971, inter marmoraj kolonoj. Kristalaj lagoj, arbaroj el alabastro.

Vesperprogramo aŭ libertempo.

**Marde 15: Tria ekskurso**
**CHIOGGIA [Kioĝja] kaj VENEZIA [Venicja]**
Chioggia estas malgranda Venecio en la Laguno; motorboata vizito tra ĝi kondukos al la "vitra" insulo Murano kaj al aliaj fabelaj celoj. Sankta Marko, Duka Palaco, Sopirponto allogos vin ...

Adiaŭa vespero.



Aŭdota en junio 1993 en Cervia:
- Estas nur fervojisto, kiu povas tiom belege fajfe allogi knabinojn.

= = =

LKK atentigas pri kelkaj praktikaj aferoj rilate al aliĝo ktp koncerne la 45an IFK:

- pri la plenigo de la aliĝiloj:

1) Legu atente la "ĝeneralajn instrukciojn" kaj la "notciferojn" kaj atentu pri la datoj (en kelkaj aliĝiloj estas falsaj datoj rilate la lastajn tagojn de la kongreso + la postkongreso)

2) Jen la **plej oftaj forgesoj** faritaj de iuj
   a) mankas subskriboj
   b) mankas kruco por montri elekton de unulita ĉambro
   c) mankas elekto de ekskursoj, kiu devas esti 'jes' aŭ 'ne'; se 'jes' oni elektu montrante, ĉu tuj pagi (sendi monon) aŭ ĉu pagi surloke

3) Jen la **plej oftaj miskomprenoj aŭ eraroj** faritaj de iuj
   a) en la intenco partopreni, erare oni elektas la kotizon "simpatianto", sed ĉi tiu rilatas nur al tiuj, kiuj ne povos veni, sed deziras ricevi la materialon aŭ iel/tiel subteni la kongreson
   b) elektante hotelon, "ĉambroperado" (5000 ITL) estas deviga kaj rilatas al ĉiu persono
   c) elektante hotelon, "ĉambromendo" (100.000 ITL) estas deviga, sed ĉiu partoprenanto trovos ĝin jam pagita ĉe la hotelo. (Elekto de malpli kosta aranĝo estas malpli: 50.000 ITL)
   d) eraraj kalkuloj

- pri la veturado al Cervia:

1) Somere estas kelkaj internaciaj trajnoj, kiuj veturas de eksterlando rekte al Cervia aŭ Rimini (t.e. nur unu ŝanĝo),

2) Se necesos ŝanĝi en Milano, Venecio aŭ Bolonjo, sciu ke
   a) ekde Bolonjo estas eblecoj al Ravenna (poste sude al Cervia: 22 km) aŭ al Rimini (poste norde al Cervia: 27 km)
   b) ekde Venecio (aŭ Mestre) estos eblecoj al Bolonjo aŭ al Ferrara (kaj poste al Ravenna kaj al Cervia),

3) uzante nerektajn trajnojn al Cervia aŭ Rimini, atentu ke
   a) en ĉiuj italaj "IC"- kaj "EC"-trajnoj oni devas pagi krombileton (t.e. rapid-suplemento), kies kosto diferencas laŭ klaso kaj distanco (ekz Milano - Bolonjo, 2a klaso = 7300 ITL)
   b) ankaŭ tiu, kiu utiligas fervojajn liberbiletojn, devas pagi ĝin, laŭ la klaso. Konsilindas aĉeti la suplementon ĉe giĉetoj, ĉar entrajne aldoniĝas 20%, minimume 6000 ITL)
   c) Se jam antaŭe oni scias pri la trajnoj kaj pri la koneksoj, konsilindas hejmlande rezervi la sidlokojn kaj pagi la suplementon.



## La italaj fervojoj: mallonga historio

La historiaj eventoj kiuj kondukis al la unuiĝo de la italaj regnetoj ĝis la 60aj jaroj de la XIXa jc multe malhelpis regulan konstruadon de fervoja reto. Tamen jam en 1839 ekveturis la unua trajno ekde Napolo al Portici [Portiĉi] ĉ. 7 km. En 1840 oni konstruis la duan linion: Milano-Monza [Monca] ĉ. 10 km. Pli-malpli vastaj retoj estis faritaj en la regionoj ĉirkaŭ Napolo (Kampanio), Milano-Venecio (Lombardio-Venetio), Torino (Piemonto), Florenco (Toskanio), Roma (Latio).

Post la unuiĝo oni kunligis tiujn retetojn (entute tiam ĉ. 2770 km) konstruante la kunligantajn ĉefajn liniojn, kiuj ankoraŭ regas la tutlandan reton. Menciindas la unua trapaso de la Apeninoj (1865) inter Bolonjo kaj Florenco, en kiu Apenina tunelo kaj novaj teknikaj solvoj pri pontoj kaj deklivoj estis veraj novaĵoj.

Tuj ĝenerale oni adoptis la normalŝpuron (1,435 m), tamen ekzistis (-as) malgravaj linioj etŝpuraj (1 m), ĉefe inter tiuj en koncesio.

En 1865 leĝo forte puŝis la plukonstruadon de linioj, organizante la reton en kvar partoj, resp. kompanioj, sub ŝtata kontrolo: norda, centra-okcidenta, sud-orienta, Kalabria-Sicilia (kaj plue Sardia, kun aparta reĝimo ĝis 1920). Dum tiuj jaroj konstruiĝis la tuneloj Freĵuso (1871; 13,636 km; I-F) kaj Gothardo (1882; 14,984 km; ĈH, sed tre grava por la italaj fervojoj). Kompletiĝis ankaŭ la kunligoj kun la najbaraj landoj.

En 1885 jam funkciis 10.524 km da linioj. Tiam oni reorganizis ĉion en tri privataj kompanioj: Adriatika, Mediteranea kaj Sicilia, kiuj daŭrigis la disvastigon de la reto ĝis 1905, kiam la fervojo iĝis ŝtata posedaĵo; ekde tiam devenas la mallongigo "FFSS" (Ŝtataj Fervojoj), ekde 1927 nur "FS".

En 1899 tra la Mesina-Markolo ekkomenciĝis la FS-pramservo.

Sur la dutrakaj linioj regis (-as) la maldekstra veturado.

En 1905 funkciis 13.698 km da linioj, kiuj pliiĝis je 2000 km en la sekvaj dek jaroj, kun duobliĝo en pli ol 1000 kaj elektrizado en ĉ. 350 km (la unuaj elektraj linioj, ekde 1899, estis trifazaj).

Malfermiĝis la tunelo Simplono (1906; I-CH; 19,825 km).

Dum la milito 1915-18, FS ludis gravan rolon kaj fine de ĝi aldoniĝis al la itala reto la linioj akiritaj el Habsburga Imperio (Trento, Sud-Tirolo, Triesto, Istrio): ĉ. aliaj 1350 km. Inter la du mondmilitoj oni vigle laboris por novaj "rektegaj" linioj kun aŭtomata bloksistemo: Tortonao-Ĝenovo (1922); Romo-Napoli (1927) kaj Bolonjo-Florenco (1934), kun la "Granda Apenina Tunelo" (18,507 km; dutraka, kun stacio meze de ĝi). Ekfunkciis la unuaj rapidaj "ETR 200" kaj estis elektrizitaj 5300 km da linioj en kiuj oni aplikis la kontinuan kurenton je 3 kV.

Fine de 1939 estis ĉ. 17.000 km da FS-linioj plus aliaj malgravaj koncesiaj linioj (ĉ. 4500 km). La milito kaŭzis detruojn ĝis 60% de la strukturoj kaj de la veturilaro, krom la morton de 2500 fervojistoj, sed en 1946 granda rekonstrua plano ebligis rapidan reordigon.

Jam en 1961 estis riparitaj linioj (6733 km), pontoj (81 km), katenario (12.000 km) kaj veturiloj (dekmiloj). Je la sama dato estis: personaro FS 166.865; linioj FS 16.711 km (4521 dutrakaj) plus 4860 km en koncesio; elektrizado en FS 7950 km kaj 1600 km en la aliaj; 2627 vaporaj, 1813 elektraj, 178 dizelaj lokomotivoj; 23 elektromotortrajnoj; 356 elektromotorvagonoj; 993 aŭtomotorvagonoj; 8238 pasaĝeraj, 3032 pakaĵa-poŝtaj, 125.971 varaj vagonoj kaj 9 aŭtopramoj (por Sicilio kaj por Sardio). En 1953 ektrafikis la rapidaj "ETR 300".

Politiko favoranta la evoluon de la aŭtoŝoseoj kaj de la "kaŭĉuka" transportado kondukis al iom stagnantaj jaroj kun nur ne grandaj novigoj, sed kun multaj modernigoj. La personaro atingis la maksimuman nombron: ĉ. 220.000

homoj. La ĉefaj atingoj estis la konstruo de nova "rektega" linio Romo-Florenco (komencita en 1970 kaj finita en 1989) kaj la ekfunkciigo de la suraksa adaptiĝanta "ETR 450" (Pendolino).

En 1985 FS de ŝtata Administracio iĝis ŝtata Institucio. Komenciĝis grandaj, multnombraj reorganizaj transformoj ankaŭ celante malaltigi la kvanton de la dungitoj. Tio ankoraŭ daŭras (-os) ĝis (laŭdire) 155.000 fervojistoj.

En 1992.07 okazis la lasta jura transformo: FS fariĝis Akci-kompanio, laŭ kaj sub la privatkomercaj leĝaj reguloj.

"Granda rapideco" estas projekto el la lastaj jaroj. Same kiel en aliaj landoj, oni pla nis veturigi trajnojn je 300 km/h, sed diverstipaj politikaj kaj ekonomiaj mal facilaĵoj malhelpis. Unue estos interes itaj nur la ĉefaj "T"-linioj Milano-Bolonjo-Florenco-Romo-Napolo kaj Torino-Milano-Vero no Padovo-Venecio. Jam prototipas la nova "ETR 500" kaj eble en 1995 la publiko utiligos ĝin. Sed tio estas jam alia "historio": tiu de la fakprelego en Cervia [Ĉervja].

Romano BOLOGNESI

## Rektaj vagonoj al kuracurbo

Vizitantoj de la fame konata banioko Karlovy Vary povas vojaĝi per rektaj vagonoj sen transvagoniĝo al Beogrado, Berlino, Bukareŝto, Boulogne, Calais, Karlsruhe, Kolonjo, Oostende, Parizo, Varsovio kaj Vieno.

El kuracurbo Mariánské Lázně forveturas rektaj vagonoj al Berlino, Wrocław, Varsovio kaj Vieno kaj el kuracurbo Františkovy Lázně al Vieno.

Se vi ekĝojis, ke de post nova trajnhoraro vi povos laŭdezire uzi unu el tiuj ĉi agrablaj ŝanĝoj, mi devas nevolonte seniluziigi vin. Temas pri proponoj laŭ horaro de Ĉeĥoslovakaj Ŝtataj Fervojoj el la jaro 1928.

-JT-

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**
S-ro Germano Gimelli, Via Creti 61,
I-40128 BOLOGNA, Italio

## Tagordoj por la kunsidoj de la 45a IFEF-kongreso (provizoraj)

**Kunsido estraro/komitato** (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto kongresproponoj (se estas)
3. Diskuto budĝeto 1994
4. Situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto unuigo TK-FAK
6. Diskuto laborplano (laborgrupô Pr-Ks-Rd)
7. Diskuto pri venontaj kongresoj
8. Eksteraj rilatoj
   8.1. UEA
   8.2. FISAIC
9. Eventualaĵoj

**Plenkunsido** (publika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj k.s.
3. Honorigo al la mortintoj
4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
5. Raportoj estraraj
   5.1. Sekretario
   5.2. Redaktoro
   5.3. Kasisto
6. Protokolo Münster
7. Kongresproponoj (se estas)
8. Raporto ĉefkomitatano
9. Raportoj komisionoj kaj komisiitoj
   9.1. Terminara Komisiono
   9.2. Fake Aplika Komisiono
   9.3. Komisiito por Skisemajnoj
   9.4. Fervoja Koresponda Servo
   9.5. Komitatano A por IFEF ĉe UEA
10. Unigo TK-FAK
11. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
12. Budĝeto 1994 kaj kotizkonfirmo
13. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
14. Diskuto nova laborplano
15. Rilatoj al aliaj organizoj
    15.1. UEA
    15.2. FISAIC
16. Venontaj kongresoj
    16.1. Konfirmo invito al la 46a IFK (A) 1994
    16.2. Elekto de lando por 1995
    16.3. Diskutoj pri pluraj eblecoj
17. Venontaj skisemajnoj 1994 kaj 1995
18. Eventualaĵoj
19. Libera diskutado

Romano BOLOGNESI, IFEF-sekretario

**Kunsido de la Fake Aplika Komisiono (FAK)**

1. Raporto de la gvidanto pri agado post la 44a IFK
2. Raporto de la sekretario kaj redaktoro pri la agado
3. Faka programo de la ĉijara kongreso
4. Faka programo de la venontjara kongreso
5. Prifervoja faka programo dum la 78a UK en Valencia
6. Diskuto pri estonta agado de FAK
7. Ceteraĵoj

Ladislav KOVAŘ, gvidanto

**Kunsido de la Terminara Komisiono (TK)**

1. Raportoj
   1.1. pri nia situacio
   1.2. pri la TK-aktiveco de gTG kaj sTK
   1.3. aktivecoj de la unuopaj TK-sekcioj (raporto de ĉiuj rTK)
2. Nacilingvaj vortaroj (DV)
   2.1. Evoluo de la laboro en la unuopaj TK-sekcioj
   2.2. Efektivigo de la eldono de NV
   2.3.Venko de malfacilaĵoj
3. Difina Vortaro (DV)
   3.1. Elekto de la difinendaj terminoj
   3.2. Aspekto de DV
4. Aktuala Fervoja Vortaro (AV)
   4.1. Ĉelo kaj intenco de AV
5. Adresaro. Situacio
6. Diversaĵoj

Jozsef HALÁSZ, gvidanto

## Jarraporto de la sekretariejo pri la jaro 1992

**Antaŭrimarkigo**

La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diversspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj" (IF 1992.6 p.88).

**Niaj mortintoj**

Listo de malaperintoj estos legata dum la plenkunsido en Cervia.

1. **Membrostato**

   Bonvolu rigardi "Membrostato de IFEF" (aliloke en tiu ĉi IF).

2. **Interna laboro**

   2.1. **Estrarkunvenoj**

   La estraro kunvenis komplete dufoje (krom Münster), en Paris (F) marte kaj en Bologna (I) oktobre. Aldone ĉeestis, kiel gastoj, en ambaŭ la Ĉk kaj parte en Parizo la Pr de FFEA Pierre ROBIOLLE. La densajn tagordojn ni traktis tre kunlabore kaj konstrue.

   2.2. **Ĉefkomitatano**

   Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. li forsendis unu cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la vicprezidanto. Kune kun la Sk li ĝisdatigis adresaron de la IFEF-funkciuloj.

   2.3. **Vizitoj**

   Ankaŭ en 1992 estraranoj partoprenis en kelkaj aranĝoj. Menciindaj estas: la fakkunveno en Vieno dum la UK (ĉeestis Vp, Rd, Ĉk, FAK-Gv); la jarkunveno de la Rumana Asocio en Braŝov (HPr, Sk, Rd); la 40a Gen. Asembleo de FISAIC en Millau (F) (estraro (÷ Rd), Ĉk, HPr, FAK-Gv, s-ro Glättli (CH), trihoma rumana delegacio kaj la francaj kolegoj-organizantoj). Do, 10

landaj asocioj reprezentitaj fare de 15 bonaj esperantistoj.

2.4. **Evoluo en kelkaj landoj**

Landa Asocio en Kroatio estis akceptita en IFEF.

3. **Laborplano**

3.1. **Koresponda Servo**

Kav. Germano Gimelli (I) bone plenumas la laboron, kiu plivastiĝas.

3.2. **Junularo**

Nenio estas rimarkinda.

3.3. **Terminara Komisiono**

En 1992 estis ŝanĝoj: la gvidanto Dieter HARTIG (D) devis rezigni pro sanaj kaŭzoj, sed li daŭre redaktas TeKu-n; la TK-Sk, inĝ. Jozsef HALÁSZ (H), anstataŭe gvidas.

Kelkaj "NV" (Naciaj Fervojaj Vortaroj) bone progresas kaj ja baldaŭ ni vidos presaĵojn. Ankaŭ "DV" (Difina Vortaro) estas en prilaboro. Dum la IFK en Münster oni vidis specimenajn provojn. La rilatoj por kunlaboro kun TEC (Terminologia Esperanto-Centro de UEA) momente stagnas.

3.4. **Fake Aplika Komisiono**

En 1992 estis ŝanĝoj: la gvidanto d-ro Petr CHRDLE (CZ) rezignis pro personaj, profesiaj kaŭzoj; la FAK-Sk s-ro Ladislav KOVAŘ (CZ), anstataŭe gvidas.

Aperis la unua "Fervojfakaj Kajeroj"; grava atingo de IFEF.

- - -

Ankaŭ en Münster okazis komuna tre fruktodona kunveno de TK - FAK.

3.5. **Fervojista kontaktkunveno dum la 77a UK**

En Vieno (A) okazis fervojista kunveno. Vp István Gulyás gvidis ĝin. Li priskribis la pasintan IFK-Münster kaj prezentis la venontan en Italio. Okazis vizito al rangostacio. Estis tri prelegoj. Ĉeestis kvindek kolegoj el multaj landoj.

4. **Aranĝoj**

4.1. **IFEF-Skisemajno**

La 33a IFES sukcese okazis 08-15. 02.1992 en Vrátna Valo, Slovakio, kun partopreno de 33 homoj el 7 landoj (vidu IF 1992.2, p.28 kaj IF 1992.3, p.42).

4.2. **IFK = IFEF-Kongreso**

La 44a IFK okazis 16-22.05.1992 en Münster (D). Ĉeestis 352 partoprenantoj el 22 landoj.

Jen la plej gravaj eventoj:

a) Ĉiuj aranĝoj okazis en Halo Münsterland.

b) Dum la inaŭguro salutis en Esperanto: S-ro STEPPE, nome de FISAIC, kaj la urbestro Twenhöven. Gravuloj salutis nome de BSW, sindikatoj, UEA, GEA.

c) La Landa Fervojista Asocio de Kroatio estis akceptita en IFEF.

d) Estis du fakprelegoj: "La faktermînara laboro en IFEF" (verkis H.D. Hartig) kaj "La Merkato de la Trafikservoj" (verkis d-ro W.Bormann). Estis multaj interesaj "Fervojaj prelegoj/aktualaĵoj".

e) Okazis interesaj ekskursoj: urba rondirado; al Ems-lando ĉe vilaĝo Lathen, por viziti la tre interesan "Transrapid"-eksperimentejon, kaj poste al ĉaskastelo Clemenswerth, muelejo Hüven, vilaĝo Sögel.

f) Estis ĉarmaj distraj aranĝoj, inter kiuj koncertoj: operkantoj, koruskantoj kaj teatra vespero. Amuziĝa estis la balvespero.

g) Menciindas ankaŭ la tre bela postkongreso tra la montaro Harz, kun ekskursoj per maliarĝŝpuraj vaportrajnoj.

5. **Eksteraj rilatoj**

5.1. **UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. Ja IFEF estas la plej vasta kaj unu el plej bone organizitaj fakaj esperantistaj aliĝintaj asocioj.

5.2. **FISAIC**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter FISAIC kaj IFEF estas tre bonaj. Post la decido uzadi Esperanton en FISAIC nia afero marŝas bonege. Pri ĝia util-

iĝo en Millau ni povas fieri kaj dankeĝi la francajn kolegojn.

**Fina komentario**

La akcepto de nova landa asocio (Kroatio) denove montras asocian nombrokreskon, sed la ĝenerala membrara situacio ne ŝajnas tre favora. Tio bedaŭrinde komencas montriĝi kaj eble ni spertos pri malkreskoj, kvankam, pro disiĝoj, ni havos pli da IFEF-l.a.
Cele disvastigi nian agadon, malgraŭ sendo de cirkulero/presanonco por publikigo en la landaj organoj/cirkuleroj, ne venis grandaj reagoj krom de unuopuloj el Usono kaj Bharato, kaj eble ne pro tio.
La fervojtekniko rapide evoluas kaj nia profesio iĝas ĉiam pli altnivela. Ĉu estas spaco por Esperanto? Inter la fervojistaro ofte ŝajne ne, tamen niaj konstantaj klopodoj vidigas rezultojn. Ni memoru pri la situacio en FISAIC kaj pri la eblecoj en la terminaro UIC, en kiu Esperanto verŝajne ludos rolon inter la aliaj lingvoj. Ankaŭ niaj kongresoj reelmontras la kapablon kaj la entreprenemon de nia kategorio.
Grandaj kaj rapidaj ŝanĝoj en la fervojaj organizoj, privatigo de retoj, antaŭtempaj pensiiĝoj, ne dungado de junaj fervojistoj, ktp vere malhelpas nian agadon; se aldoniĝas la ekonomiaj kaj socipolitikaj malfacilaĵoj en multaj landoj, militoj kaj ĝenerala timo de malboniĝo de la rilatoj interŝtataj, ni havas antaŭ ni malbelan bildon.
Tamen, ankaŭ 1992 estis jaro esperig- kaj fruktohava.

Bolonjo, en februaro 1993

Romano Bolognesi, sekretario

**Jarraporto de la redaktejo de INTERNACIA FERVOJISTO pri la jaro 1992**

Kiel raportite jam pasintjare iomete da verdaĵo revenis al la aspekto de nia organo Internacia Fervojisto, kaj ekde 1993.1 ankoraŭ iom pli!

Kaj la ekstero gravas por periodaĵo same kiel por virino, por ke oni sentu emon esplori pri la enhavo.

Ĉu oni sentis kontenton (pri IF!) dum 1992, ne estas facile sciebla, sed la fakto, ke apenaŭ leviĝas voĉoj malfavoraj, estas bona signo. Dua pozitiva signo estas, ke pli kaj pli oni sendas al la redaktejo artikoletojn kaj noticojn, pro kio mi koregе dankas. Tre ĝojiga ago, kiu grave kontribuas al la varieco kaj bunteco de la enhavo, kun samtempa plibonigo de la kvalito. Bonvolu do daŭrigi kaj evoluigi tiun tendencon.

Naive mi siatempe pensis, ke post mia emeritiĝo mi havos pli da tempo, ekzemple por la redakta laboro, sed mi - same kiel ĉiuj aliaj - seniluziiĝis, eble ĉar nun mankas la dumdeĵora ripozo!

Ke la komitato en Münster reelektis la tutan estraron, do ankaŭ la redaktoron, tio estu ŝarĝo sur ĝiaj ŝultroj, sed komprenebla tio ankaŭ estu sprono pro la montrita fido.

La ideo/propono de nia ĉefkomitatano, ke la naciaj periodaĵoj portu 'familian nomon' FERVOJISTO jam donis du rezultojn: Norvega Fervojisto - nova ŝoso de la fasko - kaj Dana Fervojisto, kiu anstataŭas 'DEFA-bultenon'.

Kiom ajn modesta estas la nacia ligilo inter gvidantaro kaj membraro, ĝi ege gravas al la kontakto kaj evoluo de la laboro. Kaj peto al la eldonantoj: ĉiam sendu ekzempleron al la redaktejo de IF! Plej multaj regule tion faras, kaj pro tio mi kore dankas.

Fine kelkaj ciferoj pri 1992: Aperis la kutimaj 6 numeroj de po 16 paĝoj = 96 paĝoj. Enhavo varia laŭ la disponebla materialo, sed krom la informoj pri IFK, IFES kaj agado de landaj asocioj, administraj sciigoj kaj raportoj, ni daŭre klopodas emfazi la fervojfakan flankon, forte helpata de lertaj kunlaborantoj en pluraj landoj.

La laboro daŭros.

Næstved, en februaro 1993
E Henning Olsen

## Raporto de la kasisto pri la jaro 1992

| Enspezoj | DKK | Elspezoj | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 43.294,99 | Internacia Fervojisto | 38.310,23 |
| Terminara Fonduso | 207,95 | Estraro | 5.096,85 |
| Adopta Fonduso | 7.812,28 | Administrado | 2.614,72 |
| Rentoj | 252,21 | Fondusoj | 4.707,63 |
| | 51.567,43 | | 50.729,43 |
| | | Pliенspezoj | 838,00 |
| | 51.567,43 | | 51.567,43 |

### Bilanco je la 31.12.1992

| Aktivoj | | Pasivoj | |
|---|---|---|---|
| Kaso | 836,50 | Kongresa Garantia Fonduso | 7.139,77 |
| Poŝtĝirkonto | 12.730,88 | Junulara Fonduso | 1.591,90 |
| Bankoj | 43.856,28 | Adopta Fonduso | 4.499,68 |
| | | Terminara Fonduso | 41.749,26 |
| Inventaro | 2.781,55 | Havaĵo 1.1.92 4.382,60 | |
| | | Pliенspezoj 838,00 | |
| | | Havaĵo 31.12.92 | 5.224,60 |
| | 60.205,21 | | 60.205,21 |

## Membrostato

| Lando | 1992 | 1993 | | 1992 | 1993 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 107 | 107 | Hispanio | 118 | 118 |
| Belgio | 50 | 50 | Hungario | 60 | 201 |
| Britio | 30 | 30 | Italio | 190 | 180 |
| Bulgario | 25 | 45 | Japanio | 13 | 17 |
| Ĉeĥoslovakio | 55 | 83 | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Ĉinio | 20 | 20 | Kroatio | 20 | |
| Danio | 65 | 65 | Nederlando | 36 | 37 |
| Estonio | 20 | 10 | Norvegio | 51 | 52 |
| Finnlando | 17 | 17 | Pollando | 22 | 20 |
| Francio | 230 | 210 | Rumanio | 20 | 10 |
| Germanio | 502 | 575 | Svisio | 75 | 75 |
| | | | Individuoj | 12 | 1 |

Brønderslev, en februar 1993, Henning Hauge

## Kaptiloj por bestoj

Eŭrotunelo, kunliganta Brition kun Francio, tra kiu veturos la unuaj pasaĝeroj jam ĉijare aŭtune, estos ekipita krom alia per kaptiloj por bestoj kaj elektra barilo, por malebligi al bestoj infektitaj per rabio penetri tra la tunelo de kontinento al Britio. Dum provo trapenetri la tunelon minacas entrudulojn elektra ŝoko. Konfirmis tion la brita trafikministerio.

-JT-

## Niaj landaj asocioj

**REFA (Rumanio)**

Rumana Esperanto Fervojista Asocio organizos sian jaran renkontiĝon dum la periodo 17a ĝis 19a de septembro 1993.

Krom la aferojn de la asocio, oni intencas organizi interesan kaj kulturan programon. Oni multe ĝojus, se venus eksterlandaj gastoj, kaj se ne eblos al iu landa asocio de IFEF sendi reprezentanton, sendu almenaŭ salutleteron por kuraĝigi niajn rumanajn kolegojn, kiuj ŝajne sukcesis 'kapti' altrangajn kaj influhavajn fervojistojn por kaj per Esperanto (evt relegu en IF 1992.6 paĝoj 86-87).

Ni lasu la vorton al inĝ STEFAN Mihai, prezidanto de REFA kaj s-ro MARCU Constantin, sekretario de REFA:

"La nunaj financaj kondiĉoj de nia asocio ne permesas al ni gastigi eksterlandajn gastojn en la hoteloj, ĉar la turismaj firmaoj postulas por eksterlandanoj tre altajn sumojn kompare al la prezoj, kiujn pagas la rumanoj.

Pro ĉi tiuj kondiĉoj ni decidis gastigi la eksterlandajn gastojn en la loĝejoj de esperantistoj.

Se reprezentanto de via asocio intencas partopreni al nia jara renkontiĝo laŭ kondiĉoj de reciprokeco, bonvolu kontakti nian asocion, por ke ni prizorgu pri la gastigado.

Bedaŭrinde ni ne scias la landojn, por kies civitanoj niaj aŭtoritatoj postulas vizon. Tutcerte la okcidentanoj povos akiri la vizon ankaŭ ĉe la landlimo de nia lando.

Por la samideanoj de eksaj socialismaj landoj, kiuj bezonas invitleteron, ni povos sendi ĝin tuj, kiam ni ricevos tiusencan peton.

Esperante, ke niaj proponoj allogas vin partopreni al nia aranĝo, ni finas dezirante al ĉiuj samideanoj fruktodonan agadon kaj pacon por la homaro." ■

---

**Slovakio**

**Raporto pri la konferenco de la fervojista Sekcio ĉe SEA**

La konferenco okazis dimanĉon la 6an de decembro 1992 je la 9.00a horo en Senica. Partoprenis ĝin 14, inter ili honora prezidanto de IFEF J.Giessner kaj vicprezidanto de IFEF I.Gulyás.

Dum sabata perbusa ekskursa programo ni vizitis la bazilikon en pilgrimloko Šaštín. Tie ni eksciis, ke ankaŭ Slovakio havas sian Venecion - ĝuste ĉi tie: la baziliko staras sur kolonoj en subtera lago. Ankaŭ alia interesaĵo ekzistas: en ĉi tiea sanktejo kiel ununuraj Maria kaj Kristo portas sur siaj kapoj orajn reĝajn kronojn, honorigante la doloron kaj suferon, nur per kiu oni povas atingi la celon.

La alia ekskurscelo estis montopinto Bradlo kun nacia monumento de iama slovaka sciencisto kaj ministro generalo M.R.Štefánik, kie ni sur la memortabulo lasis bukedon da floroj.
La ekskurso finiĝis en banloko Smrdáky. La vizitantoj per la nazo ekkomprenis la signifon de tiu nomo, ĉar en la aero oni tre forte povis senti sulfuron, kiu estas tipa por ĉi tieaj akvoj. Oni kuracas tie ĉefe malsanojn de la haŭto. Laŭ nia gvidantino la efiko de la kuracado estas duoble pli granda ol en fama Piešťany banloko, kien cetere la koton oni veturigas ĝuste el Smrdáky.

Vespere la partoprenantoj montris sian ludemon en kvizo. En demanda parto ili montris ne nur bonajn konojn pri slovaka fervojo (konkursis nur eksterlandanoj!), sed ankaŭ ŝercemon - se oni ne konis la ĝustan respondon, ili simple "blinde" elektis unu el la respondeblecoj - kaj plej ofte vere tiun ĝustan! En praktika parto ili ankaŭ montris, ke fervojo estas ilia sorto - la permanaj paperaj kreaĵoj de lokomotivoj sen iu ajn helpilo plibeligos nian fervojistan kronikon.

Dimanĉa konferenco pritaksis la agadon de la sekcio dum la pasinta trijara periodo. Ĉi tie ni povas fieri pro du laŭdire tre bone organizitaj

aranĝoj: postkongreso en la jaro 1991 kaj IFES en la jaro 1992. Por la jaro 1993 ni starigis, krom kutima partoprenado en kongreso kaj aranĝaĵoj kaj jarkunvenoj de najbaraj fervojistaj asocioj, la taskon kunorganizi fine de julio Paroligan Semajnon en Senica, celantan instruadon de Esperanto, kaj 15ajn Turismajn Tagojn TUTA'93, kiuj okazos dum unua aŭgusta semajno en Žilina.

Krome la konferenco aprobis la ŝanĝitan statuton. La plej grava ŝanĝo estas, ke aniĝi povas ne nur anoj de SEA, kiuj estas fervojistoj aŭ familianoj de fervojistoj, sed ankaŭ ĉiu interesulo, kiu abonos la revuon de IFEF- Internacian Fervojiston por la kuranta jaro.

Plue la konferenco decidis, ke la sekcio sendos petleteron al IFEF por fariĝi ties landa asocio (ĝis nun ni rajtis esti nur landa sekcio laŭstatute).

Kaj fine la konferenco aprobis novan estraron: kiel prezidantino plu laboros M.Feifičová, ankaŭ sekretariino O.Ďurišíková plu agos, sed ĝisnunan vicprezidanton V.Bielik, al kiu ni kore dankas pro lia ĝisnuna agado, anstataŭos Peter Bartal el Senica.

La vetero ne favoris la konferencon. Estis vintre, eĉ iom pluveme, sed en nia malgranda grupo regis tamen somera, varma etoso, certe kiel ĉiam en Esperantujo. ∎

## 34a IFES en Svisio 16.-23.01.1993

Hasliberg, hotelo Reuti, nin gastigis sub lerta ĉeforganizado de Jan Niemann kaj ties kunagantoj. La svisa IFEF-asocio ofertis tiun lokon. 42 homoj el 10 eŭropaj landoj alvenis per la unuanura etŝpura fervojo de SBB/CFF/FFS, la 1-m-ŝpura Brünigfervojo (inter Luzern kaj Interlaken-Ost). En alteco de 1002 m super la marnivelo, en stacio Brünig-Hasliberg, ni forlasis la trajnon kaj veturis per PTT-(poŝt)-aŭtobuso al Reuti, la plej fora de la 4 vilaĝetoj, kiuj formas la komunumon Hasliberg. Reuti situas sur sunbrila teraso 400 metrojn supre de Meiringen kaj 700 - 800 metrojn sube de la skiregionoj ĉe Käserstatt kaj Mägisalp. Kaj nur tie supre eblis skii, eĉ ne sur ĉiuj pistoj. Sed kelkaj alpin-skiantoj ĉiutage eluzis la eblecon, per seĝtelfero "vojaĝi" al altecoj de pli ol 2100 aŭ eĉ 2200 metroj. Iom glaciaj ja estis la vojoj, sed la suno brilis ĉiutage kaj la montaro kuŝis sub ni (mi nur dum 2 tagoj uzis tiun eblecon, ĉar la rava pejzaĝo invitis ankaŭ al fervoraj kaj perpiedaj ekskursoj). Longdistanca skiado okazis nur konkure, do vendrede, ĉar por ĝi la loka turistentrepreno devis prepari lojpon, same kiel faris la skilernejo, kiu aranĝis alpin-konkurejon por ni. Pro la neĝmanko multaj ne kunportis la proprajn skiojn. Do, por iom ĝui la ekzistantajn eblecojn dum tiu preskaŭ somera vetero (en alteco de 2000 m estis +2°C), ili luprenis skiojn kontraŭ sufiĉe multe da mono.

Sed kiel konate la skisemajno ne nur ampleksas skiadon; ankaŭ okazis piedira konkuro, lingva konkurso, karnavala vespero kaj organizita ekskurso. Ĉiam regis bona etoso, jam tradicia dum skisemajnoj. Interese ankaŭ ĉiam estis la kontaktoj kun svisaj homoj, kun la helpantoj ĉe la telferoj, ĉe la kasoj, kun konduktoroj kaj kun la hotela estraro kaj personalo. Kvankam la matena bufedo estis modesta, la verpermanĝo estis ege riĉa kaj grandkvanta!

Ĉu raporti aŭ rakonti pri ĉio, kion ni travivis, spertis, sukcesis, vidis? Per IF-kromkajero certe eblus; sur modesta spaco tute ne. La plej grava eble estas la gajno de la IFEF-premio: Tiun sukcesis hejmenporti Bodo Ehrlich el Dessaŭ/Germanio, koran gratulon al li! La aliajn gajnintojn listigi ĉi tie ne eblas, ĉar bedaŭrinde la tasko, skribi ĉi tiun artikolon, estis transdonata al mi post reveno hejmen. Do mankas al mi la necesaj notoj.

Fine mi volas aldoni ion tute svisan: saluti la hejmerestintajn el la plej alte situanta en Eŭropo fervojstacio Jungfraujoch (3454 m), kien ni komune ekskursis.

Dankon al ĉiuj organizantoj, helpantoj, prezentantoj de IFES '93!

Horst Theurich - partopreninto n-ro 8.

## Ni funebras

### DRAGUTIN BUHA (1908 – 1993)



La duan tagon de ĉi tiu jaro ĉesis frapi la nobla koro de nia multjara aktiva membro kaj honora prezidanto de nia Asocio – Dragutin Buha. Li naskiĝis en Mostar en la jaro 1908 kaj tre frue ekposteniĝis ĉe la fervojo kiel diplomita juristo. Post la milito (kiun li aktive partoprenis) li okupis plurajn gravajn postenojn ĉe Jugoslaviaj Fervojoj ĝis sia emeritiĝo en la jaro 1966.

Ek de la jaro 1956 kiam li esperantiĝis Dragutin Buha tre multe kontribuis al disvastigado de Esperanto inter jugoslaviaj fervojistoj. Dum pluraj jaroj li estis surfronte de JAFE kaj post la emeritiĝo li fariĝis ĝia dumviva honora prezidanto pro siaj grandaj meritoj. Li ege kunhelpis en eldonado de nia organo JUGOSLAVIA FERVOJISTO kaj ankaŭ en aperigo de multaj aliaj niaj fakaj eldonaĵoj (lernolibro, terminaro, tradukoj de CIM kaj COTIF ktp.). Li partoprenis multajn IFEF-kongresojn kaj grave kunhelpis en organizado de IFEF-kongresoj en Jugoslavio.

Dragutin Buha estis konata pro sia entuziasmo kaj bonhumoro pro kiu li estis bonvena en ĉiu rondo. Liaj multnombraj amikoj en Jugoslavio kaj en aliaj landoj neniam forgesos lin.

Li ripozu en paco.

IFEF

---

La 16an de januaro 1993 post longa malsano forpasis en Amagasaki/Japanio **Zensuke KUSUDA**.

Li estis la unua japano kun kiu mi konatiĝis en 1970 dum vizito en Frankfurt/Main. Kiam montriĝis, ke li estas fervojisto, ni tuj interkonsentis revivigi la japanajn kolegojn al kunlaboro en IFEF. Refluganto Japanion li jam estis IFEF-ano. En 1972 li organizis (kun helpo de kelkaj landaj asocioj de IFEF) la unuan ekspozicion kaj varbis novajn membrojn. En 1973 li iniciatis kaj helpis min partopreni la fondkunvenon de JELF en la kadro de japana kongreso en Kameoka. Li ebligis viziton ĉe oficialaj instancoj kaj fervojaj entreprenoj, kie mi konatiĝis kun la laborkondiĉoj de niaj japanaj gekolegoj. Poste mi vizitis multajn membrojn kaj travivis neforgeseblajn tagojn en ilia mezo. Ĉion tion dank'al la helpo de s-ro Kusuda. Mi perdis personan amikon kaj ne forgesos lin.

Elfriede Kruse (iama sekretariino de IFEF)

Bertil BENGTSSON el Hallsberg Svedio, D kaj FD (ornitologio) en UEA kaj kunlaboranto de fervojista terminara laboro tute neatendite mortis 75 jaraĝa. Li estis prezidanto de la SEFA-sekcio en Hallsberg kaj prizorgis ankaŭ certajn taskojn por SEFA.

Kiel emerita trakmajstro kaj sperta esperantisto li estis nekompensebla terminara kunlaboranto por la daŭra sveda kunlaboro en Terminara Komisiono de IFEF.

Bertil estis fraŭlo kaj loĝis sola en propra loĝejo. La najbaroj rimarkis la foreston de li kaj pere de polica helpo ili trovis lin la 25/01-93 senviva en la lito.

Li partoprenis en preskaŭ ĉiuj IFEF- kaj UEA-kongresoj. Bertil estis vera modelo de bonkora, modesta homo, ekzemplo de senlaca laboremulo sen bruo. Kun li ni perdis tre aktivan, memorindan kaj fidindan kamaradon.

IFEF-grupo en Svedio.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1993.2
45a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Ådorupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 10.04.1993

Presejo:
Geflon Tryk Næstved A/S

## Niaj jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj de fervojistaj esperantistoj

**FFEA** (Francio)
22.-28.03.93 en **Saint-Savinien-sur-Charente**, vd. IF 1993.1 pĝ 16.

**FS ĈEA** (Ĉeĥio)
02.-04.04.93 en **Železná Ruda**: Tradicia Printempa Renkontiĝo en ripozejo "Ostrý" de Ĉeĥaj Fervojoj.
Informoj kaj aliĝo ĉe J.Tomíšek, CZ-751 18 ŘÍKOVICE 33, Ĉeĥio.

22.04.93 Plejaĝulrenkontiĝo de la germanaj fervojistaj esperantistoj en **Duisburg**. Eksterlandanoj kaj gastoj tre kore bonvenaj. Informoj kaj aliĝo: Rolf Terjung, Finkenschlag 68, D-W-4100 DUISBURG 26.

08.-10.10.93 37a jarkunveno de la germanaj fervojistaj esperantistoj (GEFA) en la urbo **Titisee (Nigra Arbaro)**. Informoj kaj aliĝo: Karl Bernhard, Sauerbruchstrasse 8, D-W-7600 LUDWIGSHAFEN.

## 18a kaj 19a Internaciaj Semajnoj de Esperanto

Pro niaj pasintjaraj sukcesoj ni organizos dum la venonta somero 2 internaciajn semajnojn kiuj okazos:

1) de la 4a ĝis la 11a de septembro 1993 ĉe mediteranea marbordo, en havenurbo Sète, 30 km okcidente de Montpellier, en bela parko apud la maro.
2) de la 21a ĝis la 28a de aŭgusto 1993 en Alpoj, 1100 m super la marnivelo, en vilaĝeto Habères-Poche, meze de kamparoj kaj arbaroj, 25 km sude de Thonon.

Ni proponas al vi lerni aŭ perfektigi vian scipovon pri Esperanto. Ni havos diversnivelajn kursojn gvidatajn de eminentaj geinstruistoj, inter kiuj Pierre Babin, Daniel Moirand, Alain Favre.

Kiel ĉiujare vi trovos vere internacian etoson. Banado, porpiedirantaj promenadoj, ekskursoj, vizitoj, kantado, interesaj vesperkunvenoj kaj bona manĝo ĝojigos vin.

Tre modesta restadokosto; ambaŭ restadejoj taŭgas por rulseĝoj; eblas tendumi proksime.

Aliĝoj kaj informoj: Centre Culturel Esperanto de Montpellier, 5 Rue du Docteur Roux,
F-34000 MONTPELLIER (Francio)
Tel +33 67 54 15 43.